# Kajeroj —— el la Sudo



Fondita en 1988.

**BULTENO DE HISPANA ASOCIO DE LABORISTOJ ESPERANTISTAJ (HALE)**

Prezidanto: Martín Bustin Benito
Nuevas Lomas, sec. 2, part. 13, bloq. 1,P-7, 2-A
03015-ALICANTE. (Hispanio)
*****
Sekretario: Jesus de las Heras Giménez
Av. Juan Carlos I, 24, 2/G, Edif. Nueva Ronda, 1
30008-MURCIA.
*****
Kasisto: Nicolas GIL Carballo
Apartado 305, 24080-LEON.
Envios de cotizaciones sin coste adicional a nombre del mismo, desde cualquier punto postal de España, a la Cartilla Postal nº 29-85.039.477.

---

Redaktoroj de la bulteno:

Antonio Marco Botella
Av. Compromiso de Caspe, 27/29. 9ª.C.
50002-Zaragoza. (Hispanio)
***
Miguel Fernández Martín
C/ Santa Genoveva, 58. 6ª C.
28017-Madrid. (Hispanio).

---

Kovrilo: Katalunaj laboristoj esperantistaj. El niaj paĝoj el la Laborista E-Movado en Hispanio.

---

Enhavo:



---

NOTO: Pri la enhavo de la artikoloj respondecas la aŭtoroj mem.

# PROBLEMOJ EN NIA LABORISTA FAMILIO

*Kun bedaŭro ni legis en "Sennaciulo" la temon antaŭ ne lon- eksplodintan pri malfondo de FLE kaj starigo, anstataŭe, de esperantista landa societo. Kaj, kvankam ni juĝas, ke la problemo, kaj sekve la decido, estas"interna afero" kaj apartenas nur al la nederlanda anaro, la konsidero, ke FLE estis membro de la laborista familio laŭlonge de multaj jaroj, donas al ni certan rajton, almenaŭ por opinii. Kompreneble, ke tia opinio ne celas havi ajnan sekvon aŭ perforti la volon de niaj nederlandaj kamaradoj en iu ajn senco. Temas nur pri simpla esprimo de niaj priaj starpunktoj.*

*Unue ni diru, ke la decidon pri malfondo de FLE ni komprenas nur kiel klaran atakon al la karaktero laborista de la malfondita asocio. La diferenco inter FLE kaj tiu alia fondota kun nacia karaktero kuŝas en la signifo kaj praktikado de la koncepto neŭtraleco, t.e., dum ĉe la laborista iu ajn membro estis tute libera por esprimi sian penson pri politiko, paco, rasismo, milito, homaj rajtoj, ktp. kaj eĉ kohere proponi kolektivan agadon, ĉe la nacia (inklina aŭ aliĝinta al UEA) la anaro de la estonta societo ne povos preterpasi tiun regreseman kaj malaktualan neŭtralismon, kiu karakterizos ĝin. La propono pri eventuala akcepto de SAT-grupo en la sino de la nova Nederlanda asocio ne devas trompi niajn k-dojn: tio ja estas, niaopinie, simpla strategio por konservi la SAT-tendencajn membrojn, ĉar, kiel trafe diris iu k-do dum la debato pri ĉi temo en la lasta SAT-kongreso, oni ne povas esti neŭtrala kaj neneŭtrala samtempe.*

*Ni tute ne volas pensi, ke niaj nederlandaj gek-goj decidis frivole fari tian paŝon retren kion certe signifas eniri en la neŭtralecon. Neniu progresema homo povas racie pensi pri la neŭtralismo kiel solvo de iu ajn problemo de la homaro, kaj, el la historio de Eŭropo ni ankoraŭ konservas amaran memoron pri tia sinteno de multaj demokratoj, kiuj anstataŭ bremsi la reakcion, alfundigis nin apike en la duan mondmiliton. Niaopinie, la decido koneksas kun temo debatata nun en SAT, nome la falsa penso, ke ĉiu SAT-ano, nepre, estas sennaciisto, anarkisto, aŭ io simila. Do kompreneblas, ke homoj kun tendencoj diferencaj disde tiaj volas forlasi nian asocion, enviciĝi en alia pli kohera kun ilia idearo, aŭ, se necese, sen difinita linio politika.*

*Sed tio estas subjektiva vidpunkto kaj ne respondas al la realo. Laŭstatute SAT ne havas oficialan socipolitikan linion, kaj la koncerna paragrafo de ĝia statuto devus esti pli ofte disvastigata de niaj gvidantoj, se ili aspiras plifortigi nian asocion. Tiu paragrafo tekstas jene: "SAT ne estante partipolitika, sed nur kleriga, eduka, kultura organizo, celas, ke ĝiaj membroj estu komprenemaj kaj toleremaj rilate al la politikaj kaj filozofiaj skoloj"... ktp. ktp.*

*La principo estas tiel trafa, racia kaj brila, ke neniu esperantisto devus ne aparteni al SAT. Restas do tute klara, nederlandaj amikoj de FLE, ke sennaciismo ne estas doktrino de SAT, kvankam ĝi organiziĝas sennacie, t.e. ne-nacie. Tiusence bonus, se la PK iniciatus la reaktivadon de Sennaciisma Frakcio en la sino de SAT, por tiuj, kiuj libere volos aparteni al ĝi. Tiel ja oni forigus la erarigan profilon de asocio kun unika idearo, kaj eĉ la eraran penson de ne malmultaj sennaciistoj, kiuj kun falsa logiko ne volas aliĝi al frakcio, ĉar la idearon de SAT ili rigardas frakcieca. Tiu necesa klarigo al niaj membroj, krom eviti fuĝojn kaj kritikojn nekonvenajn, bone efikus por la bildigo de SAT kiel aŭtenta asocio de laboristoj liberpensaj kaj toleremaj, en kies diverseco devus kuŝi ĝia plej granda allogo. Cetere, por veraj sennaciistoj, la frakcio akirus pli purajn konturojn ol nun SAT havas, kaj ĉar pli malproksima de eventualaj kontaĝoj ŝovinismaj, la frakcio spegulus nur siajn proprajn valorojn.*

*Sed la disvastigo de la vera bildo de SAT ne estas la*



*la sola faro entreprenenda de nia asocio: urĝas jam modernigi grandparte la agadprogramon de nia gvida-aparato, ekz. en plena epoko de la komunikado, tute ne funkcias internaciskala programo informa kaj propaganda pri SAT kaj ĝiaj celoj. Eĉ interne, minimuma informo pri niaj kongresoj devas esti eltirita el la Protokolo mem, aperanta en "Sennaciulo" du/tri monatojn poste, kiam la temo estas jam nek novaĵo nek plejofte, interesa. Niaj kongresoj estas nun afero nia, sed devus esti, krome, ankaŭ podio por disvastigi ideojn kaj principojn. Ni ne estas neŭtralaj, interesas nin paco, ekologio, homaj rajtoj, la problemoj de la laborista mondo, sed ni faras nenion seriozan ĉi-terene. Sanĝiĝas nia socio, sed ni ne aktualigas nian agadon nek promocias niajn ideojn aŭ disvastigas la esencon de niaj netuŝeblaj principoj. Mankas idealisma etoso al nia laborista agado. Nian plej grandan celon, la defendon de la laboristaj interesoj, oni preskaŭ forgesis... Ni ankoraŭ restas en la 19a jc., sed sen la brila idealismo de tiu epoko.*

*HALE instigas la diversajn LEA-ojn al laboro kaj al modernigo de nia idearo kaj de niaj programoj. Kamaradoj, ankoraŭ estas tempo por reagi!*

*LA REDAKCIO*

*****

# Gvidrezolucio de la 67a Sat-Kongreso

La 67a SAT-Kongreso okazinta de la 16a ĝis la 23a de julio 1994 en Stražnice, Ceĥa Respubliko, kun partopreno de pli ol 300 personoj el pluraj kontinentoj:

-*gratulas* la OKK-on pro la organizo de vizito al loka uzino kaj de debato kun regionaj sindikatanoj kaj proponas, ke tiaj aranĝoj plivastiĝu en la estontaj kongresoj;

-*petas* la aktualigojn de regularo aplikenda de la OKK en la organizo de la kongreso:

-*proponas*, ke en ĉiuj estontaj kongresoj estu difinita ĉeftemo;

*petas* la Preparkomisionon antaŭvidi reeldonon de PIV tiel ke ĝi estu akirebla de esperantistoj en ekonomie malfortaj,

regionoj;

*-petas* la PK-on konsideri la kritikojn faritajn pri la adresaro (aldoni telefonnumerojn laŭ la peto de la koncernatoj, reordigo laŭ la poŝta adreso kun aldona esperanta prononcado);

*-petas* de la PK kaj de la LEA-oj fari informan laboron, i.a. informan kunvenon dumkongresan por diskonigi al ĉiuj Esperanto-parolantoj la celojn kaj principojn de SAT;

*-ĉagrenite* de la decido de la estraro de FLE, rompi sian ligon kun LEA-komitato, la kongreso aprobas la reagon de la PK pri tiu bedaŭrinda afero. La kongreso opinias, ke la rilatoj inter unu LEA, kaj aliaj LEA-oj kaj SAT ne povas esti internaj aferoj de la koncerna LEA. La kongreso alvokas la SAT-anojn restantajn en regiono de nederlanda lingvo, ke ili laŭeble rezistu al la bato donata al nia movado;

*-petas* PK-on kaj estontecajn OKK-ojn plani la laborkunsidojn tiel, ke estu sufiĉe da tempo por pridiskuti gravajn politikajn kaj sociajn problemojn en la tuta mondo.

*****

# BONVOLU RIDI... SED NE TRO!

Nur averto

Ŝtelisto prirabas dumnokte homon, de kiu li krom la mono, forprenas ankaŭ la horloĝon...La malfeliĉa homo restas fikse rigardante la ŝteliston. Tiu ĉi minacante la homon al li diras:

-Ĉu vi deziras kontraŭdiri?...

-Jes, sinjoro...ke ĝi, la horloĝo... malfruas...dek minutojn...

******

Bonkoreco

Kuracisto troviĝas ĉe forpasanto. Ĉar ĉi lasta ankoraŭ ne perdis la konscion, la kuracisto donas al li konsolon kaj konsilon:

-Pardonu ĉiujn, kiuj malutilis al vi!

-Mi pardonas vin, doktoro! Respondis per susuro la agonianto.



# Bonvolu ridi, sed ne tro

Logike

Iam, sinjoro eniris en kafejon por trinki kafon. Li sidiĝis ĉetable, kaj demandis al la kelnero:

-Kiom kostas taso da kafo?

-Cent pesetojn, sinjoro- respondis la kelnero.

Kaj-kiom kostas taso da teo? -denove demandis la kliento.

-Same kiel la kafo: cent pesetojn.

-Do alportu al mi tason da kafo.

Kiam la kelnero alvenis kun la kafo, la kliento diris:

-Ho mi bedaŭras! Vere, mi intencis peti tason da teo, ĉu vi povas ĝin ŝanĝi kontraŭ teo?

-Certe, sinjoro, diris la kelnero, kaj baldaŭ li revenis kun la petita teo.

Kiam la viro finis trinki la teon, li leviĝis kaj ekeliris.

-Atendu momenton, sinjoro -diris la kelnero-. Vi forgesas pagi kion vi trinkis.

La viro ŝajnis surprizita, kaj respondis iom kolere: -Tio estas sensencaĵo! Kial mi devas pagi la teon? Mi ŝanĝis tason da kafo kontraŭ taso da teo.

-Jes, sinjoro, sed vi ne pagis la kafon.

-Sed kial mi devas pagi kafon, se mi ne trinkis ĝin!- respondis li kolere.

Tiam, li malrapide eliris.

******

Saĝa leĝo

-Ankoraŭ mi ne povis kompreni, kial la leĝo malpermesas havi pli ol unu edzinon!

-Kiam vi edziĝos, tre klare vi komprenos, ke tiu leĝo ekzistas por protekti tiujn, kiuj mem ne kapablas sin protekti.

******

En frenezulejo

Foje, kelkaj internuloj sukcesis forkuri el frenezulejo. La flegistoj traserĉis la urbon kaj revenis kondukante grupon da dudek individuoj. La direktoro miris pro la kvanto kaj diris al la flegistestro: -Ĉu vi scias ke nur ses forkuris?

Kaj la demandito aplombe respondis: -Tamen, sinjoro direktoro, ankoraŭ restas multaj en la urbo, vere multaj!

# LIRIKAJ PAĜOJ

## POETO

*(Al la portugala poeto kaj amiko Gonçalo Neves)*

El viaj versoj
emerĝas la surprizo
nien. Kiom da ŝakta
profundo kaj mezur' kaj transmezuro!
Vortoj: vivskuoj — vibroj — transcenditaj
el la anguloj sombraj
de siaj propraj soloj.
Punto miltropa, trupo de sonoroj,
aspir' al bel' kaj kardinala vero.
Vero senkarna, sanga, amo-spura
paperen gutas, paĝojn humidigas.

El via eno
vi plandas sur la bordo
de viaj vundoj homaj kaj mistikaj.
Ĉiaj forestoj kreskas
en vi.
Per via vorto — montra fingro — firma
vi faras al la akv' alvoko-signon,
vi krias al la akvo,
vi hastas al la akvo,
kiu serpentas dis kaj disbranĉiĝas
kaj ne sin lasas trafi.
Vi volas preni l' akvon
per la kristala bovlo viavoĉa,
esplori ĝian emon al drivado,
kaj ŝprucas en vi l' vorto.
Vi volas kapti la fuĝeman tempon,
kaj ŝprucas en vi vorto vivrestaŭra.

El via kosmo
geneza vent' emanas,
nian realon tuŝas — Poezio! —,
alportas maron de sugestoj propraj
kaj de ĉeestoj niaj el la tempo,
kiam ni sidis — puraj —,
ankoraŭ de la mort' nemakulitaj.
Kaj la eterna vent' penetras puten.
Priserĉe taŭzas la obskuron. Soras
jarcentojn — ho, el tiel fora fundo
ascendas via vorto
splenda kaj dolorplena kaj ekzakta! —
por resti rande de rigardoj niaj.
Por atentigi nin pri l' disrompiĝo
de l' homa ekzistado,
kiun vi verse volas
al ni redoni jam rekonstruita.

El la foresto
kreskas en vi la vorto,
literoj kaj parolo,
pleno kaj son', ekstazoj
kaj movo kaj serĉad' kaj renkontiĝo.
La poemvestoj daŭre
reklamacias pri persona vivo;
pri viv' pli bona l' ekzistadoj noktaj.
Viaj versoj
fariĝas rememoroj por morgaŭo,
celas averti l' nunon kontraŭ miso.
Kaj ni paŝas
laŭ la cirkonferenc' el via vorto
— pleno kaj son' —, kaj via voĉ' nin kaptas
vojantaj ade ĉirkaŭ via pulso.

MIGUEL FERNÁNDEZ

# La movado en kaj ekster Iberio



Maribor.- La venonta SAT-kongreso okazos en Maribor, Slovenio. Maribor estas la dua urbo en Slovenio laŭ grandeco kaj plejindustria. Ĝi troviĝas en tre bela regiono kun belega naturo. La urbo troviĝas je 15 km. de Aŭstria landlimo, 35 km. de la Kroatia kaj 85 de la Hungara landlimo, do por tiuj kiuj deziras turismi en iom pli ol duonhora veturado oni povas facile viziti unu el tiuj landoj.
Ĉeftemo de la kongreso estos "Tolero al minoritatoj".

*****

LEON.- La Kasisto de HALE, k-do Nikolao GIL CARBALLO entreprenis la gravan taskon traduki kvar verkojn de la Liberecana Movado.

Gratulon kaj sukceson por nia kamarado!

*****

Italio.- La germana fondaĵo "FAME" asignis al"Heroldo de Esperanto" kaj al verkistino Spomenka Stimec la kulturpremion (po 5000 DEM) pro ilia kontribuo al la disvastigo de kulturaj verkoj kaj subteno de internacia kompreniĝo.

Antaŭ la milito "Heroldo" estis malpermesata de la Gestapo kaj Teo Jung rifuĝis en Nederlando: en postmilitaj jaroj la gazeto aperadis sinsekve en Nederlando, Belgio, Hispanio kaj nun en Italio.

Sincerajn gratulojn!

*****

Amboise.- Prepare al la kongreso de SAT en Peterburgo la Amikeca Reto organizas grandan rondvojaĝon de nia moskva k-do Leo Vulfoviĉ, kiu tra prelegoj starigos forumojn cele al pli profunda kompreno de la situacio en Rusio. Pluraj temoj estos proponataj, sed la ĉefa estos: "Ĉu Rusio havas demokratian tradicion de libera esprimo kaj memorganizado?

La vojaĝkostoj en okcidenta Eŭropo estos dispartigitaj inter ĉiuj grupoj kaj ne superu 200 fr.f.
Informoj: G. ROLLIN, 88, rue Victor Hugo; F-37 400-AMBOISE. Francio.

*****

# MEMORINDA POETINO DE AL-ANDALUS*

Antaŭ kelkaj semajnoj, unu el niaj intelektaj virinoj en la SAT-movado estis forte ŝokita, ĉar en unu el la aranĝoj organizitaj en niaj medioj oni primokis aŭ ŝercis pri la virinoj. Ŝi opinias, ke la rilatoj de SAT al la virinoj ne estas korekta, kaj kiel sekvo de tiu opinio publike esprimita, ŝi estis invitata lanĉi debaton pri tiu temo.

Mi decidis kunlabori kun k-dino Kris Ungar en tiu kampanjo per artikolo pritraktanta temon historian, (la ofendoj al la virinoj kiel dignaj homoj ja ne datas de antaŭhieraŭ) en kiu talenta virino, granda poetino, estas maljuste aprezata kaj ŝia memoro kondamnita al malŝato kaj forgeso. Mi aludas la poetinon Wallada bint al-Mustaqfi, naskiĝinta en Kordovo en la jaro 994, en tiu bela urbo kien pilgrimis dum tiu epoko sciencistoj kaj poetoj de la tuta mondo nur serĉante sciofontojn, aŭ pli simple por admiri kvankam nur unu solan fojon la mirindajn palacojn de Madinat al-Zahra kaj al-Zahiria, aŭ se eble viziti unu el la bibliotekoj plej kompletaj el la tuta mondo: tiun de la kordova kalifo al-Hakam.

Wallada estis filino de la omaja** kalifo Mustaqfi, do ŝi ricevis rafinitan edukadon, kaj tre juna ŝi jam verkis siajn unuajn poemojn. Ŝajnas nekontestebla, ke unu el la plej diferencigaj elementoj en la al-andalusa socio dum tiu epoko, kompare kun tiuj pure muzulmanaj, estis la virino. Pluraj jarcentoj de araba edukado, kunvivado kun viroj edukitaj por strikte obei siajn religion kaj antikvajn tradiciojn kaj plirigida vivsistemo de la muzulmanoj destinita al la virino, tute ne sufiĉis por forigi la sendependeman spiriton de la al-andalusa virino: Wallada estis sendube unu el la ekzemploj plej citindaj el tiuj virinoj.

A.F. Schack, eminenta verkisto pri arabaj temoj opinias pri tiu temo: "La situacio de la virinoj en Al-Andalus estis pli libera ol tiu en la ceteraj muzulmanaj landoj. Ili intervenis en ĉiujn kulturajn aktivaĵojn de la tiama socia vivo, kaj ne malmultaj virinoj atingis famon pro la plenumo de intelektaj taskoj. Ofte ili disputis kun la viroj pri poeziaj laŭroj. Tiel alta civilizacia nivelo kaj konduto estis la vera kaŭzo de la respekto kaj estimo, kiujn ili ricevis en Al-Andalus, evidente neniam atingitaj de la ceteraj virinoj en aliaj muzulmanaj landoj"***.

Kaj Henri Pérès, eminenta fakulo pri sama temo konfirmas tiun opinion: "Dum la 11a jc. la virino pretigas sin okupi elstarajn postenojn en la socio.

La ekflorado de ama poezio, kiu faras el ŝi idealigitan estaĵon, pruvas, ke eĉ iom ŝirmita de ĵaluzioj, sed ĝuante relativan liberecon, la al-andalusa virino sin sentas preskaŭ samnivela kiel la viro kaj tial postulas por si mem samajn rajtojn".

Estis en tiu etoso, ke Wallada elstaris ne nur kiel sendependema kaj eleganta virino, sed ankaŭ kiel poetinon, kaŭzo pli ol sufiĉa por altiri kontraŭ ŝi la envion kaj eĉ la malamon de la viroj. Ibn Bassäm, lerta kronikisto pri tiu epoko priskribas en sia verko al-Dajira la allogon de la medio, kiun ŝi saĝe kreis:

"Ŝia salono estis kunvenejo de la al-andalusaj intelektuloj, kaj ŝia palackorto prefera loko por lasi galopi la fantaziajn ĉevalojn de la poezio kaj la bela prozo, kaj ankaŭ adekvata ejo por elmontri la belecon de la ŝika eleganteco de la vestaĵoj. Ĉar ŝi ne estis prudema kaj tute ne kaŝis siajn pasiojn, oni tre ofte kritikis ŝin. Kelkaj verkistoj asertas, ke ŝi estis malmorala kaj diboĉema, sed, kiel ofte okazas en similaj kazoj, tiaj opinioj estis frukto de malbonvolemo kaj envio. Cetere, koincidis tiu vivoperiodo de Al-Andalus kun unu el la momentoj, dum kiuj virinoj de tiu lando ĝuis plej grandan liberon, kiel eblas percepti per la poemoj kaj rakontoj pri tiu epoko, kiujn oni povas legi".

La bela Wallada famiĝis ankaŭ pro siaj amaj rilatoj kun Ibn Zaydün, unu el la zenitaj poetoj de la liriko en Al-Andalus, kiun ŝi elektis inter plejado de brilaj svatiĝantoj. Kun emocio ŝi dediĉis al li ĉi tiun poemeton:

Mian venon li atendas,
kiam vesperhor' griziĝas,
ja la nokto kaŝas ĉion,
eĉ sekretojn plej intimajn.
Vin kun mi ligadas io
kun la sun' ne koincida,
ĉar, se helus nia amo,
certe brilus sun' neniam!
Same pri la lun' okazus
kaj pri steloj blanke brilaj:
ne aperus sorĉa luno
nek la steloj lum-scintilaj...



Al la kritiko de murmurantoj pri ŝia diboĉemo kaj ekscesa inklino al la plezuroj, ŝi respondis per fieraj versoj, kiel ĉi tiuj:

Antaŭ di' solenoplena, ĵuras mi sen et-eraro
ke mi indas je l' respekto kaj estimo de l' altajoj.
Tra la viv' mi dece iras kun dignec' kaj alta kapo,
nur l' amantojn mi permesas tuŝi mian fajnan vangon.
Mi akceptas nur de viroj kisojn kun sincera amo,
mi ja ne komprenas vivon sen volupta ĝu-ekzalto.

Du faktoj montriĝis speciale transcendaj por la konduto de Wallada: la forpaso de ŝia patro kaj la rompo de ŝiaj amaj rilatoj kun Ibn Zaydün. La forpaso de ŝia patro, la kalifo al-Mustaqfi, lasis ŝin libera de la formalismaj rigoroj de la kordova kortego: ŝia malplaĉo al la vualo, ŝia inklino por la plezuroj, la ekstravanco de ŝiaj sintenoj kaj ŝia absoluta indiferento pri religio kaj tradicioj fariĝis pli evidentaj, kaj ŝi ne plu trovis barojn por montri sin publike laŭ sia kaprico kaj volo. La rompo de ŝiaj amaj rilatoj kun Ibn Zaydün estis, verŝajne pli dolora: iluzie amanta la poeton, kunvivante longan tempon kun li, ŝi akompanis lin ĝuante reciprokan amon, kiam li, forkurinto de prizono kaj senduba viktimo de tiuj amaj rilatoj, volis eskapi de ĵaluzaj influhavaj homoj de la kordova kortego. Sed tiu senstabila vivo ne povis daŭri: la poeto sekvis sian destinon kaj forkuris al Seviljo, kaj Wallada kantis sian bedaŭron pro lia foresto per jenaj versoj:

## FORESTO

Ĉu ekzistas por ni solvo
al la grava plendo nia
naskiĝinta el suferoj
pro forest' kaj am' insistaj?
Iam, kiam niajn noktojn
dum la longaj horoj vintraj
ni plenigis per plezuroj
kaj per braĝoj ĝu-pasiaj,
kial ni nin lasis kapti
de la dubo apatia
akcelante la destinon
pri fatala fin' timiga?
Giras la senlimaj noktoj,
kaj torture mi ne vidas
finon al la longa disto
separanta nin perfida.
Tiom, ke eĉ pacienco
kaj espero ne sufiĉas...
Benu Di' per multaj pluvoj
grundon, kie vi nun vivas!

Wallada venkita de ne plu eltenebla longa atendo pro foresto de sia amanto kun problemoj sen ebla solvo, rompas kun Ibn Zaydün kaj trovas novan amon, sed tio estas ja alia afero. Ŝajnas ke ŝi ne amis nur platone. Ibn Zaydün konfesas: "Ni pasis la nokton premante la sukon de la lipoj kaj kolektante la granato-grajnojn de ŝiaj mamoj"... Sed tio, laŭ Ibn Bassäm, tute ne rompis la imagon de ĉasta pura virino, kiun ŝi havis, tute kontraŭe oni komparis ŝin kun Ulayya, la fratino de la orienta kalifo Härün al-Raŝid, fama pro ŝia honesteco kaj diskretemo.

Sed ne ĉiuj viroj plaĉe akceptis la progresemon de tiu poetino, precipe pro religiaj kaj tradiciaj antaŭjuĝoj, kaj ankaŭ, kiel nun, ĉar oni ne povas pardoni la elstarecon de virino, tial oni profitis ĉiun okazon por malprestiĝigi ŝin en ĉiuj aspektoj: oni murmuris, ke ŝi, Wallada, perdita ŝian serenan memregadon dronis en ekstravagancon, senmoderajn kapricojn kaj primokis la veran sinceran amon. Oni asertis ke ŝi estis en amaj rilatoj kun alia virino, la poetino Muhĵa bint al-Tayyäni... sed la grandaj poeziaj kvalitoj de Wallada restis netuŝeblaj.

Biografo de la poetino konfirmas: "Wallada estis klera poetino, recitanto de versoj senegala, vervo rava kaj facil-dira, ŝi rivalis kun grandaj poetoj de tiu epoko kaj superis la plej bonajn el ili".

*Antonio Marco Botella*

(*) Al-Andalus: Nomo donita de araboj al Iberio.

(**) Omaja: (El la araba umayya, propra nomo): Apartenanta al araba dinastio devenanta de Banü Umayya, el kiuj kelkaj estis kalifoj de Damasko kaj aliaj en Al-Andalus, emiroj sendependaj de 756 ĝis 929, kaj kalifoj de Kordovo, de 929 ĝis 1031. En PIV, Omajado: araba dinastio reginta en Damasko de 661 ĝis 750.

(***) El la verko "Poezio kaj arto de la araboj en Hispanio kaj Sicilio" de A.F. von Schack.

---

## SUFIĈE GRAVA POR NIA ASOCIO

Ni atentigas niajn gekamaradojn, kiuj ankoraŭ ne pagis la ĉi-jaran kotizon aŭ abonon, fari tion kiel eble plej baldaŭ al la Kasisto de HALE, k-do Nicolas GIL CARBALLO al la adreso jam indikita. Dankon!

# PAĜOJ EL LA LABORISTA E-MOVADO EN HISPANIO

(Venas el la paĝo 19a de K.S.-23.

*La neŭtrala Esperanto-Movado preskaŭ malaperis en Hispanio, kaj restis nur izolitaj E-Grupoj, la plej gravaj. La krizo de valoroj, ekonomia malstabileco kaj la alta kosto de la papero forbalais la regulan aperadon de esperantistaj revuoj, inter ili "Homaro". Nur restis en la lando revueto eldonita de la Popoldomo de Madrido "Socialismo Esperantista", (4 pĝ.34x24), organo de la socialistoj de la hispana ĉefurbo.*

*Antaŭ tiu gravega situacio, kiu minacis malaperigi la tutan E-Movadon en nia lando, Julio Mangada intencis savi ĉion saveblan kaj fondis en 1917 la Federacion "Zamenhof", kies celo estis kunigi ĉiujn esperantistojn sendistinge en unu solan asocion kaj dotis ĝin per oficiala ilustrita organo, "Hispana Esperantisto". Por publikigi tiun revuon en tiuj momentoj de profunda ekonomia krizo oni disponis pri la redaktoraj servoj de F. Redondo, kaj pri li mem, kaj pri la profesiaj servoj kaj malavara sindonemo de la presisto Emilio Gonzâlez Linera, sen kies efektiva kunlaboro la revuo certe ne povus aperi pro diversaj ĉiaspecaj sufiĉe gravaj motivoj, precipe manko de papero kaj de pecoj por ripari la malnovajn presilojn, tute ne anstataŭigeblajn, ĉar en tiuj momentoj oni fabrikis nur militinstrumentojn.*

*Dum la daŭro de la Mondmilito, la Movado stagnis kaj restis en tiu minimuma aktivado. Oni povas konsideri en tiu punkto finita la unuan etapon de la Laborista Esperanto-Movado en Hispanio, kiu fakte konsistis nur en propagandado, varbado, instruado de la lingvo kaj fondo de Laboristaj E-Asocioj aŭ Fakoj en la sino de Socialistaj Partioj kaj Ateneoj. Eble mankis la sufiĉa forta volo por starigi internaciajn rilatojn kun aliaj laboristaj asocioj de Eŭropo, sed en tiu epoko la hispana popolo malofte rigardis preter Pirineoj.*

## *REVIVIĜO DE LA MOVADO*

*La forpaso de D-ro Zamenhof en 1917 estis kvazaŭ emocia skuo en la konscienco de ĉiuj hispanaj esperantistoj, kaj la*

*funebraj celebradoj honore al la Majstro estis samtempe plej - evidentaj vivosignoj pri revivigo de Esperanto en Hispanio: la Socialista Esperanta Grupo de Bilbao estis en tiu momento la plej forta E-Grupo de Vaskolando, kaj en la sidejo de la Popoldomo de Bilbao okazis la 19an de majo nekrologa sesio honore al la Majstro, kun partopreno eĉ de neŭtralaj esperantistoj. La funebran oracion eldiris la prezidanto de la laboristaj esperantistoj, k-do Jesus Iñarritu, kiu priskribis la idealisman penson kaj homaman pragmatan agadon de D-ro Zamenhof. Poste intervenis reprezentantoj de aliaj Esperantaj Grupoj de Vaskolando: k-do Linacero deklamis poemon verkitan de samideano Santamaría, kaj tuj poste k-do Rosendo Sánchez disertaciis pri filozofiaj aspektoj de la homaranismaj ideoj de la Majstro; k-do Velasco deklamis belan soneton kaj fine k-do Larrea legis tre interesajn pecojn pri sociaj temoj de José Gorostiza kaj Julian Zugazagoitia.*

*La Ateneo Laborista de Gijón publikigis dum tiu ĉi jaro revuon "Diagonalo", kies ĉefredaktoro estis Alfredo Villa Villa, helpite de Francis F. Braga.*

*En aprilo 1918 la Socialista Grupo de La Arboleda(Bilbao) elektis novan estraron konsistantan el jenaj k-doj: prezidanto Saturnino Ortiz, sekretario Juan Rincón kaj kasisto Jacinto Prieto. La nova estraro organizis ekskurson al Barakaldo invitante aliajn Esperanto-Grupojn: la Socialistan Esperantan Grupon de Bilbao kaj la neŭtralan Esperantan Grupon de sama urbo. La celo estis revigligi la Movadon en Barakaldo, kie ĉiam ekzistis potenca E-Grupo kaj dum la Mondmilito tro dekadencis. Prelegis la prezidanto de la loka Grupo Eugenio Lunate, kiu paroladis pri la gloraj mortintoj de nia Movado. Li skizis unue la vivon kaj agadon de D-ro Zamenhof kaj poste tiun de aliaj esperantistaj pioniroj: Mudie, Bourlet, Boirac, k.a. kiujn li komparis kun novaj Donkiĥotoj. La Renkontiĝo estis vere sukcesa.*

*<u>Grava decido pri Esperanto fare de sindikatoj</u>*

*En 1919 okazis en Madrido kongreso de hispanaj laboristaj sindikatoj, kiu en unu el siaj kunsidoj decidis disvastigi Esperanton en la Racionalismaj lernejoj funkciantaj ene de la Sindikatoj mem. Tio tute simple signifis organizi Esperanto-kursojn en ĉiu*

*hispana urbo, kie ekzistis tiuj laboristaj Centroj (800.000 membroj en tiu momento). La propaganda efekto estis tiel granda ke la malamikoj de Esperanto akuzis la esperantistojn sendiskriminacie esti "sindikatistoj", kio fakte ofendis tiujn, kiuj ne estis tiaj aŭ ne simpatiis la sindikatojn. Kompreneble, tiu situacio ne longe daŭris, kaj iom post iom ĉiu homo aŭ kolektivo okupis sian lokon antaŭ la publika opinio.*

*Atinginte ĉi tiun punkton eksplikante la historion de la Laborista Esperanta Movado en nia lando, ni konsideras oportuna skizi la plej gravajn eventojn de tiu sama historio ekster nia lando, ĉar, post la fondo de SAT, nia Laborista E-Movado funkcios en preskaŭ kompleta interrilato kun tiu internacia.*

## *FONDIĜO DE SENNACIECA ASOCIO TUTMONDA (SAT)*

*En 1921 fondiĝis en Prago Sennacieca Asocio Tutmonda (SAT), kies celo estis krei mondorganizon sennaciecan, uzi Esperanton kiel edukan ilon por klasbatalo de la laboristaro en ĉiuj landoj kaj unuigi ĉiujn laboristajn esperantistojn sendistinge al ilia partia membreco, kunordigante la aktivadon de ĉiuj ili. En Prago jam ekzistis la precedento de formiĝo en 1911 de socialdemokrata Laborista Asocio Esperantista, kies organo, "La Kulturo", proklamis sloganon, kiu post la unua mondmilito aktualiĝos kiel konvinko de multaj laboristoj esperantistaj: "Unue ni estas socialistoj, kaj tuj poste esperantistoj" (4).*

*La fondo de SAT respondis ankaŭ al la bezono kunigi ĉiujn laboristaj kaj socialistajn grupojn jam ekzistintajn en diversaj Eŭropaj urboj ekde almenaŭ la jaro 1905. Speciale menciindaj pro ilia aktivado estis la Socialistaj Grupoj de Stokholmo, Hago, Hamburgo, Munkeno, Parizo, kaj en Hispanio la Socialistaj Esperantistaj Grupoj de Bilbao, Madrido, Valencio, Barcelono kaj Gijón.*

*La plej elstara fond-iniciatinto estis la franco Eugène Adam, pli konata per la nomo Eugène LANTI. Tiu ĉi klera aŭtodidakto naskiĝinta la 19an de julio 1879 en normanda vilaĝo jam skizis siajn ideojn pri la utilo de Esperanto por laboristaj celoj monatojn antaŭajn al la SAT-fondiĝo per artikoloj aperintaj sur paĝoj de "Esperantista Laboristo" (1919-1920), en kiuj li difinis, kiel li konceptis tiun fondotan "Esperantista In-*

*ternacio de la Laborklaso". Efektive en majo 1920, ankoraŭ freŝaj la novaj statutoj de "Liberiga Stelo" balotitaj en referendumo, oni prezentis al la anaro tiujn statutojn apud proklamo, en kiu klare aperas la bazaj ideoj de LANTI pri Laborista Esperantista Internacio. La fundamenta skizo pri sennaciisma asocio ĝuste kuŝis en tio: la malapero de la koncepto nacio en la strukturo de la estonta Laborista Internacio, sen kiu kondiĉo, li insistas, ne eblas aŭtenta Laborista Internacio. La teksto de la proklamo diris:*

*"K-doj el ĉiuj landoj!*



LANTI EUGÈNE (1879 - 1947)

*Ĉi-apude ni prezentas al vi la novajn statutojn de "Liberiga Stelo", ŝanĝitajn laŭ datfreŝa referendumo de la nuna anaro. Ŝajnas al ni superflua montri ĉi tie, la neneceson de tia Laborista Internacio. Certe, ĉiuj antaŭenemaj esperantistoj sentas la bezonon de tiu organizaĵo, kiu pli ol io ajn helpos al la triumfo de nia kara idealo. Tamen, unu punkto el tiuj statutoj postulas klarigon. "Liberiga Stelo" fundamente malsimilas je la ĝisnunaj Internacioj. Ĉiuj Laboristaj Internacioj, estintaj kaj estantaj, pekas en sia strukturo mem: ĉiuj staras sur mallogika bazo, nome: la nacio kiel celo. La nepra naciemismo de ĉiu nacia sekcio venenas la tutan asocion. Ĉiu sekcio penas -eble senkonscie- nur por si mem, nur por sia egoista naciemismo. Ho! evidente! sur la papero, la konkordo estas..., kaj ĉe la kongresoj, ĉiuj sekcioj reciproke ĵuras certan interhelpon. Tamen, dum la akraj*

*krizoj, tiu unueco, tiu samceleco malaperas kaj, spite la penegojn de kelkaj fideluloj, cedas lokon al naciemismo, eĉ al ŝovinisma fluego kiu puŝas la hieraŭajn amikojn unu kontraŭ alian! Tiam, ne plu da interhelpo, ne plu da frateco, sed malfidemo eĉ malamo. Fakte, la laborista Internacio ne ekzistas: ĉiu nacia sekcio estas aparta, aŭtonomia asocio. Ja! ĉe iu ajn Internacio, pro lingvodiverseco, preskaŭ devigaj estas la sekcioj, almenaŭ lingvaj sekcioj..., sed ni, Samlingvanoj, ni Esperantistoj, ni ne konas tiun baron. Kial, konservi tiun formsistemon, kiu sin montris tiel fatala ĉe ĉiuj laboristaj internaciaj institucioj. Forpuŝu tiun antikvan kaj danĝeran koncepton kiu sufokas la internaciisman senton mem. Ni povas kaj devas fondi sennaciecan Internacion. Al naciemismo opuzu ni integralan Internaciismon".*

*"Ĉiuj komunistoj, kooperativanoj, liberecanoj, socialistoj el ĉiuj landoj, ĉiuj kiuj kvankam enviciĝintaj diferencajn partiojn, aliras al sama celo, nome: la estriĝo, la memstareco de la laboristaro, ĉiuj unuiĝu, kuniĝu en nur unu Supernacia Internacio. Forĵetu ĉi tiujn etiketojn kiuj nin dividas kaj ĝenas, kaj ilin anstataŭigu per la devizo: Revolucio".*

*"Kamaradoj! diskonigu, pretigu nian alvokon, aniĝu, anigu L.S. Ni bezonas ĉies fortojn. Se ĉiuj antaŭenemuloj komprenas sian devon, nia Internacio estos potenca, kaj sin trudos al la Laborklaso, kaj tie estigos la veran Internaciismon kiu tiom mankas".*

*"Nia agadkampo kaj patrujo estu: Homaro".*

*"Nia celo estu: helpi al la starigo de la Universala Respubliko Laborista".*

*"Frate al vi*
*La Centra Komitato de L.S.*

*"Liberiga Stelo", sub kiu nomo stariĝis societo en Parizo en la jaro 1910, kun la statuta celo "batali por la malstarigo de la kapitalista socio, batali kontraŭ la religio, propagandi liberigajn ideojn"(5).*

*"Sur tiu linio la numero 20 de la ĉiumonata "Esperantista Laboristo", (kiun ni fotokopias), organo de la citita socialista asocio "Liberiga Stelo" (nov. 1920) E. Adam (t.e. LANTI) instigas la Verdruĝulojn partopreni amase en la Praga kongreso "kie ni devas esti multaj kaj fortaj".*

1ª JARO — Nº 10 ✶ MONATA ✶ Novembro 1920




# ESPERANTISTA LABORISTO




*La bestoj jam de longe lernis, ke la raso ne devas interbatali, la homoj tion ne sciis.*

MARIE HANKEL.

☆ SOCIALISTA ☆ SINDIKALISTA ☆ LIBERECANA ☆ INTERNACIISTA ☆

Jara abono : por Aŭstrio kaj Hungario 30 kr. — Bulgario 15 lev. — Ĉeĥoslovakio 10 kr. — Finnlando 10 mk. — Germanio kaj Polio 10 mk. — Jugoslavio 20 kr. — Rumanio 10 lev. — Serbio 10 din. — k. t. p. (pageblaj *nur per ŝtataj* monbiletoj). — Por Francio kaj aliaj landoj kies valuto egalas aŭ superas la francan frankon : 5 fr. 50 minimume.

REDAKCIO : E. ADAM
24, Boulevard Beaumarchais — PARIS (Francio)

ADMINISTRACIO : L. GLODEAU
177, Rue de Bagnolet — PARIS (Francio)

# Liberiga Stelo al la Verdruĝuloj

## Celo kaj rimedoj

Jam Esperanto larĝe disvastiĝis tra la mondo. En ĉiu regiono nun troviĝas samidealanoj samlingve povantaj *sin interkompreni. Pro tio ili deziras* kunigi siajn fortojn por labori pli efike al la realigado de sia idealo.

« Unuiĝo faras forton ». Jen ofte aŭditaj vortoj!

Por unuiĝi estas necese, ke oni interkonsentu : 1º) pri la celo ; 2º) pri la rimedoj uzotaj por ties atingo.

Ĉiuj internaciistoj, pacifistoj, homaramantoj celas forigi el la mondo la militon kaj krei harmonian staton. — Eĉ plej furiozaj militistoj deklaras, ke ili militadas por pacigi kaj ordigi la mondon. Ne mankas do interkonsentantoj pri la unua punkto. Sed pri la dua la opinioj estas plej diversaj kaj eĉ ofte kontraŭaj.

« Liberiga Stelo » deziras klarigi, kaj, se eble, pravigi sian propran vidpunkton meze de la opinidiverseco.

Unue, ĝi deklaras, ke, en sociologiaj tezoj, neniu kapablas demonstri kia estas la plej bona el la rimedoj uzotaj por pacigi la mondon. Nur la praktika provado povas aŭ ne pravigi iun ajn tezon.

Jam la historia eksperimento instruis al ni : 1º) ke la ofte citita kaj aplikita proverbo *si vis pacem para bellum* neniam donis al la mondo daŭran kaj efektivan pacon ; 2º) ke la *dogmaj* religioj, eĉ havantaj altan etikon, estis senpovaj por interfratigi la homojn. — Militojn eĉ okazigis plurfoje la fanatikeco de la kredantaro.

Konsiderinte tiajn faktojn, « Liberiga Stelo » forpuŝas el sia mezo militistojn kaj dogmajn religiulojn. Ĝi opinias, ke por pacigi la mondon estas unue necese naskigi en ĝi **justecon.** Justeco devas regi la rilatojn inter la individuoj ; justeco devas prezidi ĉe la rilatoj inter iuj ajn homgrupiĝoj, ĉu teritoriaj, ĉu profesiaj, ĉu alispecaj.

Dedukte, « Liberiga Stelo » kondamnas la senjustan principon de la kapitalista sistemo vortigebla jene : *kiu havas monon, tiu manĝas.* Tiel oni povas vidi personojn, kiuj nenion utilan faras, sed tamen abundege konsumas, tial ke ili havas monon!

« Liberiga Stelo » estas *kontraŭkapitalista.*

Al tia senjusta principo ĝi opozas la jenan : *nur tiu* (sana) *manĝas, kiu laboras.* Tiu lasta postulato estas la bazo mem de la socialismo, aŭ komunismo.

Do, « Liberiga Stelo » estas *socialista.*

Ĝi tute diferenciĝas je la nure pacifistaj asocioj, kiuj ne celas unue regigi justecon inter la homoj kaj kontentiĝas per vanaj paroloj prediki pacon al la popoloj. La pacifistoj estas eble bonkoraj homoj, sed ili fermas la okulojn por ne vidi la verajn militkaŭzojn. La milito latente ekzistas ĉiam inter ekspluatantoj kaj ekspluatatoj. Veran pacon povas nur havi socia ordo bazita sur justeco, egaleco, aŭ, se oni preferas, sur ekvivalenteco. Maljusteco estante je la fundamento de la nuna socia sistemo, estas do tute logike, ke maljusteco ankaŭ regu la rilatojn inter la homaj grupiĝoj, ĉu naciaj, ĉu ŝtataj, kaj okazigu militojn. Tial la nure pacifista movado estas tute iluziplena kaj pro tio povas eĉ esti danĝera.

(Fotokopio de la E-gazeto, kiun ni citas en la antaŭa paĝo)

*En la januara numero de 1921 la sama gazeto daŭrigas la kampanjon: "Ni deziras krei sennaciecan popolon. Ni volas senprokraste kutimigi al eksternacia pens-, sent- kaj agadkapablo". Kaj en la junia numero insistas pri samaj principoj: "Nia asocio ne devas esti politika organizaĵo, laŭ la mallarĝa senco de la vorto. Ĝi estu eduka, kleriga, helpa, realiga; tiele ĝi estos pli revoluciiga ol la politikaj partioj, kiuj celas precipe fari partianojn, ne konsciajn revoluciulojn, t.e. homoj en kies menso formalaperis la malnovaĵoj kaj eniris ecoj ebligantaj novan socisistemon".*

*Sub tiu etoso vere revoluciema okazis la fondkongreso en Prago, en aŭgusto 1921.*

*La SAT-membroj kaj la Laboristaj Esperanto-Asocioj (LEA-oj) funkciantaj sub sama inspiro, sin montris tre efikaj pri la uzado de la lingvo, tre praktikaj impulsante la eldonadon de lernolibroj kaj socipolitikaj verkoj, kaj tre liberemaj por la diskutado de temoj plej diversaj en la mondo de la ideoj kaj progresemaj filozofioj. La fondo de SAT respondis al la absoluta bezono de laboristaj esperantistoj organiziĝi internaciskale kaj estis por ili esperoplena promeso pri tute nova koncepto uzi la internacian lingvon kaj plifortigi la solidaron kaj la unuecon por klasbatalaj celoj.*

*SAT-moskvanoj fondis en junio 1922 altnivelan informan kaj literatursciencan revuon, "La Nova Epoko", kiu en oktobro 1923 fariĝis organo de SAT, aperinta ĉiumonate. Unu jaron poste ĝi lasis tiun oficialan taskon al nova gazeto, "Sennaciulo", aperinta ĉiusemajne redaktata de Norberto Bartelmes, unu el la plej kompetentaj redaktoroj, kiujn mi iam konis en nia Movado.*

*De 1922 ĝis 1929 SAT saltis de tute modesta internacia asocio konsistanta el 1.064 membroj ĝis 6.500. Ĝi publikigis du gazetojn, "Sennaciulo" kaj "Nova Epoko", kiu aperigis socipolitikajn temojn kaj plej gravajn ideojn pri la sennaciismo de LANTI. La utopia idealo esperantista antaŭa al la unua mondmilito, ke per interkompreno "la homoj faros en konsento unu grandan rondon familian", fariĝis kaduka kaj evoluis en laboristaj medioj al la ideo pli pragmata, ke per Esperanto kaj klasbatalo pli facile oni detruos la lingvajn barojn, kaj tio enkondukos la laboristojn al nova pli justa socialisma sociordo...*

*Sed SAT ne estis escepto en la socio de tiu periodo, certe tre riĉa je diverseco de opinioj, kaj en ĝia sino floris laboristaj minoritatoj politike pensantaj tute malsame: de unu flanko la oktobra rusa revolucio kaj la ekonomia krizo en kapitalismaj landoj influis multajn laboristojn, kiuj akceptis la tezon kaj principojn de komunistoj pri la socialaj spertoj en Sovet-Unio kaj decidis kredi, ke la dogmemo kaj diktaturo aplikataj en tiu lando (la unua socialisma ŝtato en la mondo), estis akceptindaj, ĉar ili apartenis al la unua fazo de laboristara revolucio. En tiuj tagoj SAT montriĝis favora al soveti-amika kriterio. Sed, en la alia flanko, socialdemokratoj kaj anarkistoj tute ne akceptis regreson de la individuaj kaj kolektivaj liberoj, eĉ en la nomo de revolucio. Efektive, en 1924 konsiderinda grupo de anarkistoj decidis forlasi SAT kaj fondis Tutmondan Ligon de Senŝtatanoj (TLES), kiel proteston kontraŭ tiu soveti-amika sinteno.*

*Sed iom post iom la opinio de SAT pri Sovet-Unio ŝanĝiĝis kaj tiam estis tiu kolektivo unue menciita, t.e. la komunista, kiu komencis fortan kritikon ne nur kontraŭ la sennaciismaj teorioj de la fondinto LANTI aperintaj en broŝuro "La Laborista Esperantismo", kiuj prezentiĝis kiel doktrino de SAT, sed ankaŭ kontraŭ la gvidantoj mem de SAT. Tiu kritiko fariĝis eksterordinare agresema dum la kongreso en Gotenburgo (1928), kiam Ernest Drezen, altranga funkciulo en sia lando kaj prezidanto de Sovetrespublikana Esperantista Unio (SEU), furioze atakis artikolojn de LANTI kritikajn kontraŭ la politiko de Sovet-Unio. Tiel naskiĝis en SAT forta opozicio, kiu konstante montriĝis proksima al skismo.*

*(Daŭrigas)*

---

*VERKOJ KONSULTITAJ*


(1) Aŭtobiografio de Julio Mangada Rosenörn. (Ne publikigita).

(2) "La Deknaŭajarcenta Hispanio", de Manuel Tuñón de Lara.

(3) "Analoj de la E-Movado en Hispanujo", du volumoj (1987), dua eldono, de Antonio Marco Botella.

(4) "Laborista E-Movado antaŭ la mondmilito", de G.P. Bruin.

(5) "Historio de SAT", (1921-1952).


*****

# DEMISIAS LA REDAKTOROJ

Post ok sinsekvaj jaroj da redaktado de "KAJEROJ EL LA SUDO", t.e. ekde la fondiĝo de la revuo, niaj Redaktoroj Antonio Marco Botella kaj Miguel Fernández Martín decidis forlasi nun la postenon.

Por ebligi la HALE-prezidanton serĉi la koncernajn anstataŭantojn, ambaŭ Redaktoroj konsentas resti maksimume ĝis junio 1995 nur se tio estus necesa.

Antonio Marco Botella kaj Miguel Fernández Martín dankas la legantojn de "KAJEROJ" pro tiom longa atentado.

# KOTIZ-TABELO POR 1995

| | |
|---|---|
| Baza jarkotizo por SAT-membro . . . . . . . . . . | 1.500,- Ptoj |
| Jarabono "Sennaciulo" . . . . . . . . . . . . . . . | 1.800,- " |
| Abono "Sennacieca Revuo" . . . . . . . . . . . . | 450,- " |
| Jarabono "KAJEROJ EL LA SUDO" . . . . . . . . . . | 800,- " |
| Membreco de HALE kun revuo por SAT-membroj . . | 500,- " |
| Jarabono "KAJEROJ" ne hispanoj . . . . . . . . . | 50,- Fr.f. au ekv.´ |

Niaj gek-doj devas atenti jenajn rimarkojn:

1. Pagante sian kotizon, SAT-membro deziranta ricevi la asocian organon "Sennaciulo" devas krome pagi ties abonon.
2. Ĉiuj membroj escepte de la familianoj, aŭtomate ricevas la jaran kajeron "Sennacieca Revuo" sen plia abonpago.
3. Emeritoj, senlaboruloj, gejunuloj (ĝis 25-a jaro) pagas la duonon de la baza kotizo.

SAT-peranto por Hispanio kaj Kasisto de HALE:
Nicolas GIL CARBALLO; Apartado 305. 24080-LEON. Hispanio.

Sendo de kotizoj kaj abonoj al la indikita k-do per poŝto kaj sen aldona kosto ekde ĉiu hispana poŝta oficejo al: "Cartilla Postal n-ro 29-85.039.477. Konsilinde estas anonci al nia k-do GIL CARBALLO la sendon de la mono perletere.

Sama k-do ankaŭ perantas "La Kancerkliniko" kies jarabono estas. . . . . . . . . . . . . . . . . . . . 3.000 Ptoj.

